## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

Mi serĉas materialon por germanaj gazetoj kaj pagas honorarion por taŭga kunlaborado. Do havigu pere de Esperanto el la tuta mondo mem verkitajn aŭ el gazetoj tradukitajn verkaĵojn: novelojn, anekdotojn raportojn pri strangaj okazintaĵoj, arto, scienco ktp. kaj sendu ilin german- aŭ esperantlingve al

F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg, Sa.,

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72 487.

Belga: Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118 656 Thienen.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Ĉila: E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago.

Estona: Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 8/9
Aŭgusto-Septembro 1930

Oficiala organo deTutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr.: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Voĉoj de l' homaro.

### Ĉu estas indiferente al vi . . .

„Ĉu estas indiferente al vi, ke milionoj el niaj samvivanoj ne povas kaj ne havas rajton trankviligi sian malsaton, ke milionoj da homoj sur la tero ne havas alian hejmon ol la vojojn, ke milionoj da homoj estas subpremitaj kiel sklavoj kaj al la tiel nomataj superuloj ne havas alian valoron kaj ekzistrajton ol tiun, kiun donas la ciferoj en la kaslibroj? Mi pensas ne nur pri blankuloj sed ankaŭ pri negroj, hindoj, ĉinoj kaj aliaj, kiuj ankaŭ estas niaj samvivanoj. Ĉu estas indiferente al vi, ke milionoj da homoj estas devigataj mortigi unu la alian per la plej bruta mortigado, kiu povas ekzisti? Ĉu estas indiferente al vi, se milionoj da infanoj venos en la mondon nur por esti maljuste traktataj kaj fariĝi tute similaj al la homoj de nia tempo?"

(El „Al Torento" de Stellan Engholm, Köln 1930, Heroldo de Esperanto.)

---

## Pri lernejoj kaj instruado en Egiptujo.

De C. M. Cather, Port Said.

Laŭ programo, dum la jaro 1947/48 oni havos sufiĉajn instruistojn kaj konstruaĵojn por efektivigi devigan elementan instruadon por ĉiuj infanoj. Ekzistas elementaj lernejoj por infanoj de 4 aŭ 5 ĝis 14 jaroj, kie la instruado estas tute en araba lingvo; ĉe la deviga (elementa) lernejo la kurso estas 6-jara, de 7 ĝis 13, kaj infanoj ĉeestas dum daŭro de la tago, nur knaboj

matene kaj knabinoj posttagmeze; unuagradaj lernejoj, kies celo estas pretigi la infanojn por la duagradaj kaj pli superaj lernejoj. Oni instruas la kutimajn objektojn per araba lingvo, kaj krome unu fremdan lingvon, anglan aŭ francan. Aĝo de eniro estas de 7 ĝis 10, kaj la kurso estas kvarjara por knaboj kaj kvin-jara por knabinoj. (Seksoj ĉiam en apartaj lernejoj.) Duagradaj lernejoj akceptas nur lernantojn, kiuj plenumis la kurson ĉe la unuagrada lernejo, kaj kies aĝo ne superas 17 jarojn. La kurso estas 5-jara kaj inkluzivas du fremdajn lingvojn, anglan kaj francan, unu estas ĉefa kaj la alia kroma fremdlingvo. Ankaŭ estas diversspecaj superaj kaj teknikaj lernejoj. Ĉe la Egipta Universitato la instruado okazas en franca lingvo por la fakultatoj de leĝo kaj literaturo, kaj en angla lingvo por tiuj de medicino kaj scienco (la lastnomita fakultato estas starigita nur en 1925). Fincelo estas uzi nur la araban lingvon, kaj la nuna divido inter franca kaj angla estas pli hazarda ol intenca.

Dum la periodo Septembro 1928 ĝis Aprilo 1929 du senpartiaj eksterlandaj edukistoj, Prof. Ed. Claparède de la Universitato de Genève kaj s-ro F. O. Mann (anglo), laŭ invito de la Egipta Ministerio por Edukado, ekzamenis la eduksistemon de la lando, kaj nun prezentis siajn raportojn. Ili laboris tute sendepende unu de la alia, kaj prezentis apartajn raportojn. Oni ankoraŭ ne presigis la raportojn: la jena resumo estas kompilita de ampleksaj recenzoj verkitaj de O. H. G. W. por la ĵurnalo „The Egyptian Gazette" (La Egipta Gazeto).

Entute, ambaŭ raportantoj trovas samajn mankojn, kiuj parte estas samaj kiel tiuj en aliaj landoj; la lernejprogramoj estas tro ampleksaj, la klasoj tro grandaj, multe tro da parkerado, tro centrigita organizo, multe tro malmultaj knabinoj ricevas edukadon, kaj tro da atento je sukceso ĉe ekzamenoj; fakto estas, ke ne malofte studentoj mortigas sin pro malsukceso ĉe lerneja ekzameno.

La raporto de Prof. Claparède rekomendas la enkondukon de tute nova sistemo, novedukado, argumentante, ke ĝuste nun estas la tempo por Egiptujo, enkonduki modernan sistemon de edukado kaj saviĝi de sklava kopiado de la ortodoksaj sistemoj. Unu el la plej interesaj partoj de lia raporto estas la priskribo de la testoj pri inteligenteco. La rezultoj de ĉirkaŭ trimil „Ballard"-testoj montras ke, entute, la knabinoj estas pli rapidaj kaj inteligentaj ol la knaboj, sed ke entute la meznivelo de inteligenteco estas definitive pli malalta ol la normo. Rimarkinda escepto estas, ke la meznivelo por knabinoj inter 8 kaj 10 jaroj estas pli alta ol kaj la belga kaj la Ballard-normo. La knaboj plej proksimiĝis al la normo inter la aĝoj de 7 ĝis 9, la plej junaj, kiujn la profesoro plene testis. Apenaŭ estas dube, ke la juna egipto ĝis la aĝo ĉirkaŭ dekdujara ŝajnas esti multe pli viva kaj inteligenta ol pli malfrue. Kutime oni konsentas, ke kaŭzo de ĉi tio estas seksa malbonuzo post la aĝo de matureco. Do, estas interese konstati, ke Prof. Claparède opinias, ke la neprogresinteco kompare kun lernantoj en aliaj landoj pli verŝajne estas pro la familia ĉirkaŭaĵo („milieu") de la lernanto. En Egiptujo la plejparto el la gepatroj, eĉ de la „pli bonaj" klasoj, estas analfabetoj kaj ne povas helpi kuraĝigi la lernantojn dum ilia laboro.

La profesoro opinias, ke pli da atento devus esti dediĉita al la scienco de la instruado, kaj ke malpli gravas, ke la instruisto posedu grandan scion, ol ke li sciu, kiel interesigi la lernanton kaj gajni lian amon.

En sia raporto, s-ro Mann kritikas la intelektan nivelon de la Superaj Lernejoj por Instruistoj, kaj la malaltan salajron, kiun ricevas eĉ lernejestro. La manko de bonaj instruistoj parte indikas la kialon por la ŝajna nevolemo de la lernantoj pensi aŭ agi por si mem. S-ro Mann forte kondamnas la proporcion inter la provizoj por elementa kaj supera (aŭ meza) edukado. Dum en Anglujo oni elspezas 25 frankojn por supera edukado kaj 100 frankojn por elementa, en Egiptujo estas nur 25 por elementa kaj 50 por supera.

S-ro Mann havas tre interesan ĉapitron pri lingvoj. Li elmontras, ke la stato de egipta infano similas al tiu de „angla infano, kiu parolus kaj aŭdus la parolatan anglan lingvon kaj ĉe la lernejo kaj hejmo, sed kiu ne estus permesata legi aŭ skribi krom en la lingvo de la deka jarcento". Ĉi tio devenas de la fakto, ke la parolata araba lingvo ne havas skribitan gramatikon kaj estas preskaŭ tute malsama lingvo je la klasika kaj skribata araba, kiu estas la lingvo de libroj, ĵurnaloj kaj publikaj paroladoj. Tial, krom angla kaj franca la infano devas lerni trian lingvon, nome sian propran. S-ro Mann proponas, ke oni elektu komisionon por studi la problemon de la araba lingvo. Laŭ eduka vidpunkto, li ŝatus ke la skribata lingvo alproksimiĝu al la parolata, sed li konscias, ke multaj malfacilaĵoj, eble ĉefe religiaj, malhelpas. Fakte, la kontraŭo okazas, kaj la parolata lingvo alproksimiĝas al la skribata, sed nur tre malmulte kaj malrapide.

S-ro Mann diras, ke malbone estas, ke infano ĉe unuagrada lernejo devas komenci la studadon de angla aŭ franca lingvo tuj je la komenco de sia lerneja vivo. (Dum la tuta periodo oni dediĉas ĉiusemajne ses ĝis ok 45-minutajn lecionojn al tiu objekto.)

S-ro Mann ne opinias, ke la egiptaj instruistoj de la angla lingvo posedas sufiĉan scion pri scienca fonetiko; kaj li opinias ke oni tro multe instruas Shakespeare'on, tro malfacila pro la malmodernaj esprimoj, kaj tial nur konfuzas aŭ erarigas lernantojn. Ĉe la duagradaj lernejoj la stato estas pli bona, ĉar estas ne malmultaj anglaj instruistoj; sed malfacile estas trovi tiujn, ĉar kvankam la komenca salajro ne estas malalta, la kondiĉoj estas malfavoraj, (mallongdaŭra, ĉiujara kontrakto, kaj li neniam povas esti lernejestro). Konklude s-ro Mann diras ke la nunaj lernejprogramoj, pro ilia troŝarĝigo, tendencas pli kaj pli al favorigo de meĥanika lernado je la kosto de inteligenteco, kaj li esprimas la timon ke la provo igi ĉiujn infanojn ĉe la superaj kaj mezaj lernejoj lerni tri lingvojn aldone al sia gepatra kaj multaj aliaj objektoj, povus fine rezulti en la scio de nenio efektiva.

---

## Psikologio en Ameriko.

La 9-an internacian kongreson de psikologoj en New Haven (Usono) partoprenis la germana psikologo William Stern, Hamburg. En »Vossische Zeitung« li publikigis siajn impresojn pri la kongreso, kiujn ni represas laŭ »Leipziger Lehrerzeitung«, n-ro 39, 1929.

Tradukis la Instruista Esperanto-Grupo Leipzig.

La „Germana Psikologia Societo" antaŭ nelonge en alvoko devis publikigi, ke malmulte afabla sinteno, kiun aŭtoritataj instancoj hodiaŭ prezentas al nia scienco, minacas limigi la instru- kaj esploreblecojn. Kiom granda

estas tiu danĝero, ni tute klare sentis en Ameriko. Tie la psikologio en universitatoj kaj en la publika vivo havas tre altan pozicion nenie pridubitan. Kaj la rimedoj, kiuj disponiĝas de ŝtata kaj privata flankoj por psikologiaj laboratorioj, institutoj por junaĝo-esplorado ktp., tute ne estas kompareblaj — eĉ konsiderante la pli grandan riĉecon de Ameriko — kun la malgrandaj kaj ofte nur malvolonte deciditaj sumoj, kiuj en Germanujo estas disponeblaj por tiuj celoj.

Tre klare diferencas en Ameriko la teoria-scienca laboro kaj la praktika apliko de la psikologio. Sed teoria-scienca laboro ne signifas: Okupiĝo pri teoriaj principaj demandoj. Tiuj havas multe pli malgravan rolon ol ĉe ni. Ke psikologio kaj filozofio multon povas doni unu al la alia — konvinko, kiu ĵus en la plej nova tempo en Germanujo tiom reviviĝis — de la amerikano ĝenerale ne estas rekonate. Por li psikologio estas unu el la multaj special-sciencoj, kiuj estas praktikataj kun siaj propraj, tre specialaj problemstarigoj kaj metodoj, por atingi plejeble multajn faktajn datojn. Oni serĉas densan kaj sukcesan interligon kun aliaj specialsciencoj, precipe kun la natursciencoj, sed montras iun timemon kontraŭ ĉio, kio havas guston de spekulacio aŭ teorio. Eĉ la „biheviorismo“ (behaviorisme), vere amerika teorio (Watson), kiu antaŭ kelkaj jaroj tre emociigis la spiritojn, hodiaŭ malpli estas dogmaro ol metodo. Tiu doktrino volas transformi la psikologion en sciencon pri la „homa konduto“. La „psiko“ kiel maniero de la interna vivado ne estas esplorebla. Kiel esplora tasko nur restas la ekzakta studo de la ekstere videbla konduto, objektive sin prezentante kiel reflekso, kiel reago post difinitaj incitoj, kiel ŝanĝo de la sangocirkulado, kiel rezulto de lern- kaj ekzercprocedoj ktp.

Kiel dirite, la principa parto de tiu teorio (la radikala forstreko de ĉio psika kiel scienca objekto) estas nur ankoraŭ malmulte diskutata. Sed la fakta esplorlaboro rekte celas al la ĵus aluditaj observadoj kaj mezuradoj de la „konduto“ de homo kaj besto — konsiderante la beston (kaj la junan infanon) kiel precipe taŭgajn objektojn de tiu metodo; ĉar ofte estas tre malfacile, eĉ maleble, konstati ion pri la psika vivado de tiuj ambaŭ, sed, male la observeblaj reagoj de difinitaj ekscitoj aŭ la progresoj de difinita reago-grado ĉe ripetoj ktp. povas esti pritraktataj per la plejsubtilaj eksperimentoj kaj statistikaj metodoj.

Tial precipe en la besto-psikologio Ameriko marŝas en granda distanco antaŭ ĉiuj aliaj landoj (Yerkes kaj aliaj; multaj laboratorioj havas specialajn best-psikologiajn sekciojn, en kiuj ĉe simioj, ratoj ktp. multnombraj studoj estas farataj). Eble la celoj de tiuj entreprenoj al kelkiu eŭropano ŝajnas iomete unuflankaj; ili traktas preskaŭ ĉiam la centran problemon de la kondutteorio, la „modalan reflekson“, t. e. la demandon, ĉu la refleksaj reagoj ŝanĝiĝas kun la eksteraj situacio-kondiĉoj; per aliaj vortoj: kion kaj kiel la besto „lernas“ difinitajn kondutmanierojn. Preskaŭ en ĉiu besto-psikologia instituto oni trovas kiel ĉefaparatojn la „mazes“ (labirintojn), t. e. vojoj kun diversaj konfuzaj fermitaj kaj malfermitaj eliroj; la besto devas lerni trovi je certaj kondiĉoj sian nutraĵon aŭ la elirejon en difinita loko; ĝi estas dresita al certaj figuroj, gradoj de grandeco kaj heleco, sonoj ktp. Tie kaj tie ankaŭ ekzistas aliaj problemoj, ekz. tiaj, kiuj rilatas al la instinkto, malsato, dolorreagoj ktp.

La laboratoriaj esploroj farataj pri homoj tre forte ankoraŭ estas influataj

de la klasika eksperimento-psikologio. Surprizis nin germanojn, ke la psikologio de Wundt en Usono estas multe pli aktuala ol en Germanujo. Ĉe ni (la germanoj) la eksperimento pli kaj pli estas uzata kiel helpilo por psikologia sinobservo kaj klarigo kaj estas modifata tiumaniere, ke ankaŭ pli altaj psikaj fenomenoj en ĝi estas kapteblaj, kontraŭe la usona laboratorio precipe flegas fiziologian psikologion en pli malvasta senco kaj esploras elementajn funkciojn per ekzakta metodo: senso- kaj movo-reakciojn, psikogalvanajn fenomenojn ktp. Ĉio esence psika laŭ nia opinio estas traktata ankaŭ ĉi-kaze ne sufiĉe. En la lasta tempo ja estas rimarkebla alia germana influo: tiu de la „gestalto"-psikologio*). Ja, oni kelkfoje renkontas en usonaj fakrondoj la eraran opinion, ke la tuta germana psikologio hodiaŭ estas „tutecteorio". Pri la aliaj multaj esperigaj ĝermoj de psikosciencaj kaj individuecaj labormanieroj la usonanoj pro siaj precipe natursciencaj inklinoj ankoraŭ ne estas tre spertaj. Sed eble ankaŭ en tio la kongreso instigis al ŝanĝo de tiu inklino.

Apud la laboratoria eksperimento nun staras alia psikologia metodo, kies evoluado kaj uzado kreskis gigante en Usono: la testo. Testoj estas simplaj taskoj, kiuj esploras la pensadon, la atenton, la (spac-)volumintuon, la lertecon, la scion, plue la ecojn de la temperamento kaj karaktero ktp., kaj kiuj estas aplikeblaj sen aparatoj en iuj ajn lokoj. Preskaŭ ĉiam ili formas firmajn testseriojn, kies rezultatoj precipe estas normitaj, por ke ĉiu ekzamenita individuo tuj povas esti registrata laŭ skalo baziĝanta sur sennombraj kazoj. Precipe preferatan rolon havas la inteligenteca mezurilo de la tiel nomata „Inteligentec-kvociento", kiun mi proponis antaŭ 17 jaroj, sed vere ne supozante, kiamaniere ĉi tiu propono nuntempe estas realigata transe de la oceano.

La ekzakteco de la mezureblo proksimigas la danĝeron, ke ekestas mekanikiĝo de la psikologia inteligent-esploro, kiu kontraŭas la sencon de vere psikologia ekkono. Ni en Germanujo pli kaj pli vidas en la testo — plene respektante iliajn perciferajn rezultojn — antaŭ ĉio helpilon, por ekfari la vere psikologiajn analizon kaj interpreton de la unuopa kazo. Kontraŭe en Usono ŝajnas esti la emo, ke oni rigardas ciferojn per si mem kiel la efektivan decidigon.

Tamen ni ne neas, ke la intereso por la matematika flanko kondukis al ega subtiligo de la psikologia statistiko kaj ke la statistikaj ciferoj konstatitaj ĉe grandnombro de individuoj, prezentas akiraĵojn tre rezultigajn por maso- kaj komparo-psikologio: pri la meznombraj povodiferencoj de diversaj rasoj, aĝoj (ŝtupoj), seksoj kaj sociaj klasoj. La testo-metodo estas ja la vojo, sur kiu la psikologio en Ameriko akiris tutan vicon da praktikaj laborkampoj. Tute kompreneble — pli multe ol ĉe ni — estas por instruisto, sociala zorgisto, kuracisto, juĝisto de la porjunula tribunalo ktp., kunlabori kun la praktika psikologo.

Mi havis eblon, vidi vicon da institutoj de eduko kaj publika zorgo, kie praktiko kaj esploro plej intime estas interligitaj. Parte apartenantaj al universitatoj, parte tenataj de privataj organizacioj, tiuj institutoj okupiĝas pri

---

*) Rimarko de la redaktoro: La moderna termino germanlingva „Gestalt-Psychologie" estas apenaŭ tradukebla. Gestalto estas artika tutaĵo; gestalto-psikologio kaj tuteco-psikologio estas tial preskaŭ sinonimaj.

protekto, korekto kaj eduko de la junularo sur la fundamento de detala esploro de ĉiu unuopa individuo. „Case studies“ (= kazo-studoj) estas pro tio la kondiĉo de tiu individualisma zorgo. Jen eta infano, kiu kaŭzas malfacilaĵojn al la gepatroj, jen lerneja infano, kies kapablo strange ĉesas antaŭ strangaj instrutaskoj, jen junuloj en danĝero de devojiĝo kaj efektive jam devojiĝintaj, por kiuj estas trovenda la ĝusta vojo de plua eduko. En ĉiu kazo tuta stabo de esploristoj ekfunkciiĝas. La socialpedagogino studas la cirkonstancojn de la hejmo, la kondiĉojn de heredo kaj medio kaj la antaŭhistorion de la kazo, la kuracisto esploras la korpan staton, la psikiatro eventualajn psikajn nenormalaĵojn aŭ alaĵojn, la psikologino per testoj konstatas certajn kapablo-mankojn kaj -fortojn, karaktero-propraĵojn ktp. Post tio en kunsido („staff meeting“) ĉiuj partoprenantoj pridiskutas la kazon kaj decidas pri la necesa procedo. Tiu maniero, laŭ kiu la kompleksbildo de la junulo mozaike estas kunmetata el la konstatoj de multaj esplorintoj, al ni ŝajnas ja iom nekutima, kaj oni vere povas pensi, ke tiuj „case studies“ evoluos al efektiva tutecpercepto de la personeco. Tamen la senlaceco, kun kiu oni kolektas ĉiujn eblajn momentojn, la intensa sindediĉo al sociala helpo kaj la kompreneblеco, praktikadon bazi sur detalan konon de la juna homo imponas kaj spronas al imito. En Eŭropo, kie oni en kriminalismo kaj sociala zorgo nur nun komencas la „case studies“, laŭ nia scienca orientiĝo la celado al tuteca percepto certe baldaŭ superos la nunan detalmozaikon, kaj tiam la fakpsikologo havos tute alian funkcion ol en Ameriko, kie li — ni ignoru malmultajn esceptojn — nur konstatas la objektivajn rezultojn de la testo-ekzamenoj.

La granda nombro de unuopaj kazoj, kiujn disponas tia instituto, ebligas al ĝi, fari statistikajn kaj komparajn esploradojn. Tie estu nur menciata tre interesa kriminalpsikologia esploro de l' instituto por junularscienco en Chikago, kiu rilatas al la laŭcifera dependeco de adoleskulaj krimoj de l' urbteritorio. Se tie ekzemple estas konstatite, ke difinita urbdistrikto konservas sian konstantan krimoftecon dum jardekoj — kvankam en diversaj epokoj tie loĝis unu post la alia ĉefe italoj, negroj, germanoj, iroj — do per tio estas pruvite, kiel necerte la krimeco dependas de la raso, sed kiom grava estas la loka mediomodaleco — teorie kaj praktike samemineпta rezultato, kies kontrolo en aliaj lokoj estas tre dezirinda.

Je la fino revenante al la internacia psikologio, ni mencias interesan vicon da ciferoj, kiu estis aldonata al la malferma alparolado de la prezidanto de l' kongreso, la maljuna McKeen Castel. La ŝato de l' amerikano por statistikaj datoj turniĝis interalie al la kvanto de psikologiaj publikigaĵoj en la ĉefkulturlandoj. Montriĝis por la jaro 1927, ke Ameriko kun preskaŭ 2000 libroj kaj traktaĵoj laŭ absoluta nombro staras plej supre, sekvas Germanujo kun 1500, Anglujo kun 800, Francujo, Rusujo kaj Italujo kun po 400—500. Kvankam la nura cifero ne sole estas decida, tamen estas tre grave, ke Germanujo ne nur absolute gvidas en Eŭropo, sed ke ĝi ankaŭ superas relative (konsiderante la nombron de l' enloĝantoj) Amerikon. Estu nia serioza zorgo, ke ĝi ne perdu tiun pozicion sur la tiom grava kulturkampo de l' psikologio.

---

# For la laŭgradajn fakatestojn!

Aro da malutilaĵoj, kaŭzitaj per la malbona aranĝo de atestado, estas evidenta:

1. Atestoj timigas, do malbone influas la nervosistemon.

2. Ili nek pri kapablecoj, nek pri karaktero donas ĝustan impreson, sed facile kaŭzas per sia provoko al troaj komparoj arogantecon kaj sentojn de malpli-valoro por la vivo.

3. Ili difektas la karakteron, ĉar oni ofte juĝas la ateston pli grava ol la scipovo.

Paŝon post paŝo oni forigas la fakatestojn, sed ne riskas la postulon: For ĉiujn fakatestojn!

Ni ja bezonas ilin, oni diras, por nia propra garantio kaj por la pravigo de niaj juĝoj.

Certe pro tio ni bezonas ilin, kiel pruvilon. Sed ĝuste nur en la lerneja servo por transiĝo de gelernantoj en aliajn lernejojn aŭ kiel dokumenton kaj ateston por protestoj kaj plendoj. La laŭgradaj fakatestoj por la lernanto devas esti forigataj kaj anstataŭ ili estiĝu la simpla informo je la jarfino: La infano sukcesis atingi la celon de la klaso kaj nun venas en la klason . . . aŭ: ne atingis la celon de la klaso, aŭ kiel finatesto: atingis la celon de la lernejo (aŭ klaso) kaj estas eksigita.

Tiamaniere oni al neniu dokumentas lian malpli-valoron. Ĉiu havas la plen-konscion pri la aprobo de sia faro.

Por sia propra uzo la instruisto aranĝu liston kun atestoj, kiuj eble estas analogaj al tio, kion ni nomas psikologia transverso. Laŭ tiuj zorgeme kolektitaj atestoj la instruisto konstatas la taŭgecon por la transklasigo, forsendas informojn pri malkapableco aŭ invitojn al priparoloj kun la gepatroj.

Per la transversoj oni provus plenumi ĉiujn individuecojn de la lernantoj laŭ aliaj vidpunktoj ol tiuj de la atestoj, por konstati ilian taŭgecon por la progreso en la kadro de la lerneja instruo.

Estas rekomendinde, uzi por la pli bona klareco skemon kiel helpilon. Ĝi ankaŭ plifaciligas la kompletigon kaj protektas kontraŭ riproĉoj pro neĝusta traktado de la diversaj infanoj.

En la atesto oni konsideru:

### I. La sintenadon al la vivo

eble laŭ skalo, kiu gvidas de la daŭre triumfanta optimismo trans ĉiujn gradojn de la ĝojeco ĝis la plej absurda banaleco, kaj trans ĉiujn ŝtupojn de la malkontenteco ĝis la vivonea pesimismo, ankaŭ pritraktas la balanciĝantajn valorojn de la intermiksaĵo, en kiu eble superas unu talento la alian.

### II. La sintenadon al la societo

eble laŭ la skalo: Evidenta tipo de gvidanto, bonvola envicigo, ĝoja kamaradeco, helpemo, envio, unuopaj amikecoj, egoismo, izoleco, evidenta apartemulo.

### III. La sintenadon al devoj:

rilate al devoj libervole serĉanta, (aktiva), volonte portanta, (pasiva), in-

digne rifuzanta, (opozema, malhelpanta). Nome: Kun persisto, en ĉiam denove faritaj atakoj, aŭ rapide laciĝanta.

Intergrupoj: Kreanta devojn al si mem, la postulatajn ĝoje, bonvole, malzorge, malobeeme plenumanta aŭ rifuzanta.

## IV. Sanstaton

laŭ observoj de la instruisto: Absolute ne influata per la streĉadoj de la lernejo. Post longa lerntempo malfortiĝanta. Tage je la fino de la instruo laciĝanta, delikata, nesufiĉa vivforto.

Organa difekto de la parol- kaj senc-organoj. Malbon-aŭdeco, surdeco, miopeco, malmiopeco, ankaŭ kolor-erareco.

Poste la detala atesto de la lerneja kuracisto.

## V. fak-atestoj:

Se nenio alia estas menciita, la laboroj valoras kiel kontentigaj. Specialaj kapabloj, same kiel la mankoj en la diversaj fakoj, estas menciendaj.

Specialaj konstatoj, k. e. brila memoro, absoluta manko de ritma sento, malebleco marŝi laŭtakte, aŭ senti la ritmon en versoj. Talento por humoro, imitado, arda ambicio. Plorema, mensogema, ŝtelema.

Neniun el tiuj ĉi prijuĝoj oni donu sen ekzemploj.

Nun oni ja povus fari la kontraŭdiron: La envicigo en la grupojn okazas same kiel la prijuĝo de la promocia matureco per la absolute subjektivaj juĝoj de la instruisto. Kion oni do estus gajninta rilate al la hodiaŭa stato?

Konsiderindaĵojn: 1. Oni konstatas kapablojn kaj statojn, sed ne valorigas ilin per atestoj. 2. Kunago de la gepatroj en la konstato de la talentoj absolute ne estas malhelpata. Demandilo povus esti plenigata de la gepatroj: Kiel vi prijuĝas vian infanon? Unue laŭ ĝia sintenado al la vivo: ĉu li aŭ ŝi estas optimisma, ĝoja, senkuraĝa? ktp. en la rubrikoj I—IV kaj specialaj observoj. Kune kun la juĝo de la instruisto oni havus la garantion por la plej granda ĝusteco de la juĝo. Sed ankaŭ la fakatestoj ne estu netuŝeblaj! Kial nun okazas la atestado? Laŭ la listo de atestoj kaj siaj juĝoj la instruisto de ĉiu klaso nun absolute memstare prijuĝas, kiun li opinias transklasigmatura aŭ ne. La infanoj ricevas tiurilatan skriban informon, restas, kondiĉe ke ili nur transklasiĝas, sen timo kaj ankaŭ hejme ne kaŭzas maltrankvilon.

La gepatroj de la ne-promociuloj ricevas leteron: Kaŭzo estas manko en tiuj aŭ tiuj ĉi fakoj.

Kio nun? Se la gepatroj laŭ la antaŭaj sciigoj, laŭ sia kono de la kajeroj kaj pridemando al la infanoj konstatas la rajtecon de la agmaniero, ili trankviliĝos pri la juĝo. Se ili havas alian opinion, ili havos priparolon kun la instruisto. Se ankaŭ tiu ne konvinkas ilin, la instruisto devus aranĝi ekzamenon en la tiurilata fako. La ekzamenoto devus fari skriban laboron sub observado, kies taskoj nur estu elektataj el la skribaj laboroj de la pasinta lernjaro. Nur, se oni pridubas la ĝustecon de iliaj atestoj, la konferenco interkonsilas. Ĝia decido estas deviga. Tiel oni ne ofendas iun aŭtoritaton, kaj la gepatroj havas la garantion pri absoluta objektiveco. La netrans-

klasigo en tiu ĉi kazo estas necesa pedagogia ago en la intereso de la infano kaj de la lernejo kaj perdas absolute la karakteron de punago kontraŭ infano kaj gepatroj.

Per tio la instruisto ĉiam povus motivi siajn decidojn. La observo de la infanoj laŭŝajne estus pli akurata ol nun, iliaj vivo kaj evoluo pli malŝarĝitaj, kio certe estus sukceso, kiu rekompencus la penadojn.

Kio malhelpas nin? Kio ebligas plenplene gajiĝi?
Sufero de l' vivo nomiĝas nekono,
ĝia feliĉo: sufiĉi.

Tradukis: Esperantista unuiĝo de Potsdamaj instruistoj.

---

# Vivreformo kaj aritmetika libreto.

De Walter Etzold, Leipzig.

Ĝojige estas, ke oni en la instru-programoj de la popollernejoj montras pli da kompreno por la vivreformo. Antaŭ mi kuŝas la aritmetika libro por la 7-a kaj 8-a lernjaro de la Leipzigaj popollernejoj: „Nu kalkulu“. En ĝi ni trovas je paĝo 134 la parton: Malamikoj de la saneco, nomitaj: alkoholo kaj tabako. La unua tasko komenciĝas kun jenaj vortoj: Alkoholo estas veneno. Nun oni legas procentnombrojn por la diversaj alkoholaj trinkaĵoj kaj per tio la infanoj rimarkas, ke la kvanto de la alkoholo ĉiam restas samgranda, ĉu oni trinkas glason da biero, vinglason plenan da vino, aŭ likvorglason plenan da likvoro. Laŭ tio oni prikalkulas la ekonomian malutilon. Kiel konate, la elspezo por alkoholo kaj tabako en Germanujo estas pli ol ses miliardoj da markoj jare. — Unu tasko tekstas: Se iu ĉiutage trinkas 1 glason da biero kaj fumas 2 cigarojn — kiom li por tio devas elspezi dum jaro? Tio ankoraŭ estas tre modesta. Al mi konfesis viro antaŭ du jaroj en la somera refreŝigejo, ke li fakte elspezas po tago du markojn por tabako, kun la alkoholo eble estas 1000 RM dum unu jaro. — Por la sama mono la familio povus aĉeti 25 centfuntojn da figoj aŭ 40 centfuntojn da pomoj aŭ 15 centfuntojn da nuksoj aŭ 1700 kokosojn aŭ eventuale pianon. Kion per tio oni forprenas de la familio estas terura.

Ĉefe profita por nia movado estas la ĉapitro: „Nutrado kaj laboro“, paĝo 136. Tie tekstas: Nia korpo bezonas por vivi albuminon, grasojn, karbonhidratojn (glikozon), akvon, salojn kaj vitaminojn. Poste sekvas la tabelo de la diversaj nutraĵoj, kiuj nun devas esti prikalkulataj laŭ la kalorioj. Se tio ankaŭ estas iom unuflanke, la infanoj tamen rimarkas, ke de ĉiuj nutraĵoj, kiuj ne estas rafinitaj aŭ artefaritaj, la nusko enhavas la plej multajn kaloriojn; ĉar ĉe ĝi je 100 g da kvanto estas 20 g da albumino, 10 g da karbonhidratoj kaj 60 g da graso, ĉe freŝa viando nur 20 g da albumino, 0 g da karbonhidratoj kaj nur 5—30 g da graso. Al la diversaj manĝaĵoj, kiujn la infanoj devas prikalkuli, mi aldonis ankoraŭ krudmanĝaĵojn kaj mi vidis, ke ili enhavas pli da kalorioj ol la aliaj manĝaĵoj. Kiel konate, 100 g da nuksoj jam havas 681 da kalorioj, tiam je la 2000 kalorioj, kiujn la homo bezonas po tago, ne tro multe mankas.

En la ĉapitro: „Spirado kaj sangcirkulado“ oni skribas: La plej bonaj kaj plej malmultekostaj rimedoj por konservo de la saneco estas: suno, aero kaj akvo.

Nun sekvas taskoj:

1. Fiksu por la klasĉambro la pezon de la aero kaj de la oksigeno, se la aero estas bona!
2. Elspirita aero enhavas karbonacidon. Se estas en 1 $cm^3$ pli ol unu litro, la aero estas malsaniga. Infano elspiras dum unu horo 10 lit. da karbonacido. Kalkulu, kiom da karbonacido estas en la lernejĉambro post unu horo!
3. Kiom nur devas troviĝi?
4. Post kiom da minutoj oni devas refreŝigi la aeron?
5. La sango fluas al la pulmoj, por fordoni per la ruĝaj sangodisketoj karbonacidon kaj akcepti oksigenon.
6. La pulmoj de la plenkreskulo enhavas ĉirkaŭ 5 lit. da aero. Ĉe plej profunda spirado ĉe ĉiu spiro estas elŝanĝata ĉirkaŭ 3,5 lit. kaj ĉe trankvila diafragmaspiro ĉirkaŭ 0,5 lit. da aero. Kaj tiel sekvas ankoraŭ vicoj da interesaj taskoj pri la sangamaso kaj la partoj de la sango, la sangodisketoj kaj la laboro de la koro. Sed la taskoj ĉiuj rekomendas reformon de la ĝisnuna vivmaniero.

---

## 5-a Kongreso Internacia pri Morala Edukado

de 23-a—28-a de septembro 1930 en Paris. Celo de la kongreso estas: organizadi kunlaboron de ĉiuj, kiuj volas agadi por progreso de morala eduko — senrigarde pri raso, nacio aŭ religio. Kongresoj okazis jam: Londono 1908, Hago 1912, Ĝenevo 1922, Romo 1926. La ĉeftemoj de la 5-a kongreso estas jenaj: 1. Kiel aplikadi la historion por morala eduko? (referontoj: s-roj Don Raffael Altamiro el Madrid kaj M. D. Parodi el Paris). 2. Kiel disciplino kaj memregado kontribuas al morala eduko? (Referontoj: s-ro Peter Petersen el Jena, kaj s-ino Helen M. Woodhouse el Bristol). 3. La diversaj metodoj je morala eduko (referontoj: s-roj Jean Piaget el Genève kaj S. Radhakrishhan el Kalkutta). Sekretariejo: 27, rue Shateau-Landon, Paris 10.

---

## Publika kongreso de la Ligo de Decidaj Lernejo-Reformanoj

en Berlin de la 1-a ĝis 4-a de Okt. 1930.

(Kongresejo: Schöneberger Rathaus).

Klero virina kaj kulturo.

**1. Okt. I. Bazigo.**

Antaŭtagmeze: 1. La virino en la kultura krizo nuntempa. — Adolf Grimme, prusa ministro por scienco, arto kaj popolklerigo.

2. La virino koncerne ŝian tutstrukturon. — D-rino Gertrud Bäumer, ministeria konsilistino.

Posttagmeze: 1. Egalrajteco kaj egalvaloreco de la virino. — Rektorino Irmgard Bär.

2. La virino kaj la tekniko. — D-ro Eugen Diesel.

**2. Okt. II. La taskoj de la virino.**

Antaŭtagmeze: 1. Patrineco kaj profesio. — Margarete Kaiser.

2. Edzeco kaj familio. — D-ro med. Heinrich Dehmel.

Vespere: 1. La tensia rilato de la generacioj. — Rektorino D-rino Gertrud Rosenow.

2. La virina idealo kaj la junularo. — Filol. kandidatino Else Unger kaj redaktisto Hellmuth Rüdiger.

**3. Okt. La vojo de la virino tra la ŝanĝo de l' tempoj.**

Antaŭtagmeze: 1. La edukado en la vira-virina tensikampo. — Kunrektorino Charlotte Behncke.

2. La eduko de la virino al ŝia tuteco. — Lerneja konsilistino Käthe Feuerstack.

Posttagmeze: La edukado al vivotaŭgeco en la produktad-lernejo. — Instruistino Lisa Rietz kaj profesoro Paul Oestreich.

Vespere: Manifestacio: La virino en la nova socio. Ĉeno de mallonge-paroladontoj: Gertrud Baer; rektoro E. H. Bethge (Lobo Frank); Gertrud Bodin; regna parlamentanino Clara Bohm-Schuch; studkonsilistino Lotte Bonwitt; instruisto Ernst Bulowa; tribunala eksdirektoro D-ro Gerhard Danziger; D-ro med. Heinrich Dehmel; Margarete Eichel; urba konsilisto Walter Friedländer; instruisto Udo Heske; Margarete Kaiser; Paul Oestreich; instruistino Lisa Rietz; studkonsilistino Lydia Stöcker; eksministro por popolklerigo Prof. D-ro Reinhard Strecker; regna parlamentanino Mathilde Wurm.

**4. Okt.** Gvidadoj: Germana gimnastika akademio (Stadion), prusa gimnastika akademio (Landesturnanstalt), Unuiĝo Junularhejmo Charlottenburg, ŝtata junularhejmo Finkenkrug, lerneja kamparhejmo Eichkamp, Pestalozzi-Fröbel-domo, Montessori-lernejoj, priseksa konsultejo, Rudolf Steiner-lernejo, Cäcilienhaus, metilernejo de la Ĝenerala Elektra Asocio (A. E. G).

La tuta kongreskarto kostas 6 gmk. (liganoj 3 gmk.). Demandoj kaj aliĝoj al Wilhelm Hoepner, Berlin O 34, Boxhagenerstr. 13, II.

---

# Interŝtata kaj internacia lerneja interŝanĝado.

Ĉi-sube ni tradukas kelkajn punktojn de la regularo pri la Interŝtata kaj Internacia Lerneja Interŝanĝado, ĵus kreita en nia lando, kiel parto de la dekreto reforminta la Publikan Instruado-Departementon de nia ĉefurbo. Tiu fakto estas tre interesa al ni, esperantistoj, ĉar Esperanto vere kontribuus, praktike kaj plej konvene, al la interkompreniĝado de la lernejanoj malsamnaciaj. Jen kelkaj paragrafoj:

„La interŝanĝado estos farata per la intersendado de naciaj dokumentoj pri 'a vivo de ĉiu popolo, folkloraj legendoj, foto-albumoj, gravuraĵoj, marŝ-arioj, karakterizaj muzikaĵoj, historiaj dokumentoj, filmoj, diapozitivoj, moneroj kaj poŝtmarkoj, kaj unuvorte ĉio, kio povos prezenti la nacian individuecon kaj plifirmigi la idealon de la homa solidareco."

„Estos ankaŭ sendataj kaj akceptataj ĉiaj manlaboraĵoj: memkreitaj desegnaĵoj, rakontoj, priskribaĵoj, leteroj, revuoj de la anoj de la lernejoj unuagradaj, metiaj kaj normalaj (= porinstruistaj), kaj same la produktaĵoj de la diversaj laborejoj de la metiaj lernejoj, montrantaj la lertecon, la guston kaj la aktivecon de iliaj anoj."

„Estos unu el ĝiaj celoj la interŝanĝado, kun la fremdaj landoj, de beletristikaj produktaĵoj kaj didaktikaj verkoj de la plej bonaj naciaj verkistoj."

„La interŝanĝado devas okazi ĉiam inter anoj de samspecaj lernejoj."

„Estos organizataj, en la lernejoj, sub la patroneco de alilandaj nomoj, mal-

grandaj ambasadorejoj, kun la tasko fari la servon de la internacia interŝanĝado kaj krei la historian muzeon de la lernejo.“

La kursoj de Esperanto por infanoj profitu tiun okazon; tio havigos al ili duoblan rezultaton, ĉar ili trovos korespondantojn kaj forte helpos nian movadon. Junaj samideanoj, turnu vin al nia sidejo, por pli detalaj informoj. Samideanoj tutmondaj, gratulu nian Instruo-Departementon pro la starigo de tiel grava servo.

Brazila Ligo Esperantista skribis al s-ro Direktoro de la Departemento de Publika Instruado, proponante sian helpon por la tradukado de la korespondaĵoj sendotaj kaj ricevitaj en Esperanto. Tiu propono estas akceptita de la Direktoro, per letero skribita de la Teknika Direktoro de la Departemento.

Ni petas, ke ĉiu samideano ricevinta tiun ĉi sciigon, bonvolu ĝin diskonigi en sia loko, informante samtempe, ke ĉiu korespondaĵo estu adresita al:

Secretario Geral do Correio Escolar
Prefeitura — Praça da Republica
Rio de Janeiro — Brasil.

---

# Konferenco pri lingvistikaj esploroj.

En Ĝenevo de la 20-a de marto ĝis la 2-a de aprilo 1930.

Tiu konferenco kunigis en Carlton Parc Hotel 18 fame konatajn lingvistojn kaj specialistojn, por science esploradi la problemon de helplingvo.

Tio karakterizas la persistan agadon, faritan depost 6 jaroj per la „International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated“ (IALA), kaj per ĝia honora sekretariino s-ino Dave Hennen Morris, el New-York.

Sukcesis la tuta afero precipe dank' al spirito kunpaciganta kaj nepartieco de la organizantoj. La kunsidoj kaj laboroj faritaj permesis atingi gravajn rezultojn.

Alprenon de neŭtrala helplingvo, destinata plifaciligi la rilatojn inter la popoloj, efike aprobas scienculoj de aŭtoritato konata, kiel s-ro Antoine Meillet, de Collège de France, kaj s-roj C. Bally, S. Karcevski kaj A. Sechehaye, de la universitato de Ĝenevo. Sen ke ili sekvas ekskluzive iun apartan sistemon, ili vidas en la „interlingvistikaj“ esploradoj novan kampon por la observado.

La prezidado de la konferenco sufiĉas por altiri atenton de plej elektemuloj, ĉar ĝi estis konfidata al distinga lingvisto s-ro Otto Jespersen, profesoro ĉe la universitato de Kopenhagen, aŭtoro fame konata de „Language“, de „Philosophy of Grammar“ kaj de la projekto „Novial“.

IALA interesiĝas pri ĉio, kio rilatas la helplingvon, kaj do pri Esperanto, kiu nuntempe estas el multaj la plej disvastigata, kaj kies grandan valoron interlingvistoj (helplingvistoj) agnoskas, se oni rigardas ĝiajn esencajn trajtojn.

Sed pro objektiveco IALA alprenas ĉiun utilan sugeston, devenantan de sistemoj diferenciĝantaj aŭ aŭtonomaj, kiel Ido, Nov-Esperanto, Occidental kaj Latino sine flexione. Tial ankaŭ ĉiuj tiuj idiomoj estis reprezentitaj en la Konferenco de Ĝenevo kaj tri el ili per siaj aŭtoroj mem, nome Nov-Esperanto per s-ro René de Saussure, profesoro ĉe la universitato Bern, Novial per s-ro Jespersen kaj Occidental per s-ro de Wahl, profesoro en Reval, Estonujo.

La partoprenantoj de la konferenco principe aprobis la planon de lingvistikaj esploradoj, skizitan de Prof. K. Asakawa, de la universitato Yale (U. S. A.). Ili informis sin pri la laboroj de profesoroj W. E. Collinson, de la universitato Liverpool, ĉeestanta la konferencon, kaj Edward Sapir, de la universitato Chicago.

Tiuj laboroj rimarkinde konformas al la tendencoj de nuntempa lingvistiko, kiu precize esploras, kio pli ĝenerala ekzistas en la homa lingvo. Tie certe kunlaborado de profesiaj lingvistoj kun la

protagonistoj de helplingvo ne ĉesos fekundi per novaj rezultoj.

Profesoro O. Funke de la universitato Bern, akorde kun s-ino Morris, prilaboris programon kompletan de esploroj, sur kiu bazo oni klopodos pro financaj subtenoj.

La filologoj A. Debrunner de la universitato Jena, redaktisto de la „Indo-germana jarlibro", kaj E. Hermann, de la universitato Göttingen, donis al la konferenco valoran helpon, elmontrante, kiel povas realiĝi kunlaborado senpere inter indo-germanistoj, interlingvistoj kaj IALA.

Fine la konferenco konsentis rezolucion, kiu postulas kreadon de periodaĵo, de „Journal of Interlinguistic Research" (JIR), tuj kiam la cirkonstancoj tion permesos. La revuo ne apartenus al iu aparta sistemo, ĝi permesus la publikigadon de laboroj, kiuj krom sia interlingvistika utilo povus interesi sammaniere la profesiajn lingvistojn pro la naturo de la enketoj, kiujn ili kaŭzus.

La problemo de helpa lingvo estos sur la tagordo de la sekvonta Ĝenerala Kongreso de Lingvistoj, kiu okazos en Ĝenevo dum aŭgusto 1931.

### Deklaracio.

La subskribintoj, invitite de „International Auxiliary Language Association in the United States Incorporated" (IALA) partopreni la „Konferencon de Lingva Esplorado" („Meeting of Linguistic Research") kunvokitan en Genève, deziras deklari propranome kaj ne kiel delegitoj de iu ajn organizaĵo, jenon:

1. Ili konstatas, ke la ses sistemoj de internacia lingvo reprezentitaj ĉe la Konferenco havas multajn punktojn komunajn, sekve de kio ties adeptoj povas interkompreniĝi sen granda malfacilo, ĉu parole ĉu skribe, se ĉiu uzas sian apartan sistemon.
2. Ili konfesas unuanime la bezonon de universala lingvo helpa, simpla, politike neŭtrala, destinita faciligi la rilatojn inter la popoloj.
3. Ili opinias, ke ĉiu sistemo prezentas certajn proprajn bonaĵojn, sed neniu povas pretendi je perfekteco, sekve de kio iu decido celanta determini definitive la lingvon internacian de l' estonteco ŝajnas esti ankoraŭ tro frutempa.
4. Ili deziras la daŭran disvolviĝon de l' kunlaborado inter lingvistoj kaj helplingvanoj kaj esperas plej bonajn rezultatojn el tiu kunagado kaj el la grandaj laboroj iniciatitaj de IALA.
5. Ili konsideras tre dezirinda la kiel eble plej bonan konkordon inter ĉiuj helplingvanoj, sen distingo de sistemoj, kaj ties kooperadon en la studo de certaj problemoj komunaj al ĉiuj. Se tiu kooperado povus iel konduki al la kreo de unueca fronto, la afero de l' lingvo internacia profitus tre multe el tio kaj oni tiamaniere proksimigus la momenton de ĝia definitiva alpreno.

Genève, la 2-an de Aprilo 1930.

Otto Jespersen — Siegfried Auerbach — Earle B. Babcock — Charles Bally — W. E. Collinson — A. Debrunner — Helen S. Eaton — Otto Funke — Eduard Hermann — Serge Karcevski — Alice V. Morris — G. Peano — William Perrenoud — Pitman B. Potter — René de Saussure — Alb. Sechehaye — Pierre Stoyan — E. de Wahl — R. Zeidler.

---

## Aŭstralia Esperanto-Kongreso.

El la raporto pri la unua Esperanto-Kongreso kiu estas kunvokita en Aŭstralio Okcidenta, ni aperigas jenan gravan parton:

Kaŭze de la penoj de la Kongreskomitato la Universitato de Aŭstralio Okcidenta elektis Komitaton, kies devo estas esplori la utilon de Esperanto kaj la prudentecon enhavigi ĝin kiel temo por ekzameno ĉe la Publikaj Universitataj Ekzamenoj en Aŭstralio. Tiu Komitato nun

raportas, ke ĝi rekomendis, ke la Universitato enhavu Esperanton kiel temon en la listo de Temoj por la Publikaj Ekzamenoj dum 1931, kaj ke antaŭ ol fari plenan raporton al la Universitato, ĝi donas al la Kongreskomitato unu jaron, en kiu ĝi devas eltrovi la precizan pedagogian pozicion de Esperanto tra la mondo kaj forsendi ĝin al la Universitata Komitato.

La aŭtoritatularo de la Plenaĝuledukado nuntempe kun la Kongreskomitato preparas kursojn Esperantajn.

S-ro Clubb, direktoro de Edukado en Aŭstralio Okcidenta, estas tre entuziasma pri Esperanto kaj konsentis proponi ĉe la Kunveno de la Direktoroj de Edukado okazinta en Aŭstralio dum majo 1930 „Ke Esperanto estu farata temo por deviga studado en ĉiuj lernejoj Aŭstraliaj".

Se oni subtenos ĉi tiun proponon la estonto de Esperanto en Aŭstralio estos certigita.

Tri bonkonataj Profesoroj de la Universitato nuntempe studas Esperanton!

Kaŭze de peto de Sekretario (s-ro Mansfield), la aŭtoritatularo de la ĉi tiea biblioteko konsentis havi multe da Esperantaj verkoj kaj donos multe da spaco al Esperantaĵoj, ĝi nun konsideras havigi proksimume cent dudek novajn Esperantajn librojn.

Aldone al la kurso kiun la aŭtoritatularo de Planaĝuledukado aranĝas, nia Komitato aranĝas kursojn en la gazetoj kaj per Radio.

La loka Komerca Ĉambro signis sian aprobon de Esperanto per sugesto ke oni enhavigu ĝin kiel deviga temo per la „Diplomo Komerca".

La Kongreskomitato decidis kompili gvidlibron de Aŭstralio okcidenta kaj ankaŭ historion de la Ŝtato depost ĝia eltroviĝo.

Ankaŭ estas decidite, fondi Esperantostatistikan Oficejon por la havigo kaj disdono de Esperanta informo. Oni esperas ke la Esperantaj Societoj, ktp. tra la mondo helpos la komitaton kiel eble plej multe, en la havigo de tiu informo, precipe ĉar la venonta jaro estos tiel grava per Esperanto en Aŭstralio.

Skribu al la sekretario Louis C. S. Mansfield, 49-63 Royal Arcade, Perth, Aŭstralio.

---

## Alvoko.

Certe ĉiuj esp. gekolegoj konsentas pri la ĝenerala alvoko de E. A. de S. I. (n-ro 12, 1929), pledante por Esp.-disvastigado en instruistaj rondoj de la tuta mondo. Mi permesas al mi, aldoni detalan alvokon. Laŭ mia sperto multaj gekolegoj ne interesiĝas pri Esp., ĉar ili prijuĝas Esp. kiel ne gravan, ne disvastigitan, ne praktikan lingvon. Persvado ofte estas vana, konvinkado plej ofte senebla. Preskaŭ ĉiam oni aŭdas la kontraŭdiron: „Mi neniam ricevis esperantan leteron, karton aŭ presaĵon el eksterlando, vi nur estas entuziasmulo." Tiu sperto estas tre instrua. Kion ni faru? Esperantistoj devas pli forte propagandi Esp. en ne esperantistaj rondoj de eksterlando, apogante tieajn esperantistojn ĉe varbado de novaj esperantanoj. Admonaj, pledaj vortoj de konatuloj al konatuloj nur malofte sukcesas, multflanka ago el eksterlando pli certe kondukas al celo. Sed nur praktika ago, ago konsistanta el alsendado de esperantaĵoj al pri Esp. dubemaj eksterlandaj gekolegoj estas ĝusta. Tion ni faru reciproke, laŭplane eble en jena maniero:

Mi petas la gekolegojn en aziaj landoj: Skribu al mi eble 5 adresojn (nomo, titolo, strato aŭ placo, urbo, lando) tute legeble de tiuj gekolegoj, kiuj esperebIe post ricevo de esperantaĵo (Esp.-gazetoj, prospektoj, gvidfolioj, flugfolioj ktp.) el eksterlando interesiĝos por Esp. Presaĵojn mi sendas pro tio, ĉar kleraj personoj povas legi aŭ diveni el ili jam multajn vortojn, eble ankaŭ frazojn. Ĉefkaŭzo tamen estas, ke la malmultekosteco de presaĵafranko per-

mesas al mi malriĉigita germano plenumi la eble centfoje enirantajn dezirojn pri alsendo.

Dua peto estas, ke la koncernaj kolegoj ankaŭ sendu al de mi proponitaj 5 adresoj iujn ajn esperantaĵojn. Mi kredas, ke tia propagando estas ne nur malmultekosta, sed ankaŭ tre sukcesa. Do ni almenaŭ provu!

Se mi komencas per tiu ĉi praktika propagando, kiu eksterlandano kunagos kun mi? Kiu fervora esperantisto tie aŭ tie en la mondo volas agi kiel mi? Mi atendas viglan interrilaton de la gekolegoj de lando al lando — kun sukceso!

Ernst Klemm, sup.-instr.,
Barbarossastr. 8, Chemnitz, Germ.

---

Rim.: Mi esperas, ke aliaj gekolegoj skribos al la aliaj kontinentoj.

---

## Motorveturantaj instruistoj.

La „Aŭstria Klubo de Motorveturantaj Instruistoj en Wien" estas turisma societo de samfakuloj.

Ni deziras amike interrilati kun eksterlandaj instruistoj, kiuj mem estas motorciklistoj kaj pro tio interesataj pri la celo kaj agado de nia asocio en Wien, kiu al la klubanoj ebligas diversajn preferojn ekonomiajn. — En Aŭstrio baldaŭ ne estos trovebla instruisto, ne apartenanta al la A. K. M. I. — En Germanujo ekzistas samcela organizo.

Ni proponas al vi kaj al la instruistaro en via lando fondi similan fakunion. — Krome ni proponas, ke la asocioj de lando al lando interrilatu per Esperanto, por havigi al la membroj reciproke socialan kaj sportan kunigon de samfakuloj, speciale dum veturado en eksterlando. — Por la praktika celo oni utiligu la neŭtralan helplingvon kaj ebligu por uzado de Esperanto al la membroj plifaciligon en turismaj aferoj.

Skribu al kolego F. Scheibenreiter, Wien VII, Hermanngasse 31/26.

---

## Gajnu monon per Esperanto!

Korespondado inter nia kolegaro estas bona afero.

Korespondante ni povas organizi profito-donan laboron kaj multe gajni por nia atingota celo.

Ĉi tie mi opinias pri literaturo por gelernantoj. Pedagogia literaturo por gelernantoj estas uzata en ĉiuj landoj. Gejunuloj precipe amas legi fabelojn. Mi opinias, ke ĉiu lerneja biblioteko posedas belajn fabelojn kun ĝiaj belaj ilustraĵoj.

Tian literaturon oni povas traduki esperanten kaj interŝanĝi kun eksterlandaj gekolegoj. Traduki unu fabelon, ĝin plimultigi ŝapirografe aŭ aliamaniere jam ne estas tia malfacila laboro. Se oni preparas dekon da ekzempleroj de unu fabelo kaj ĝin interŝanĝante ricevas saman kvanton el eksterlando de malsamaj fabeloj, jam oni povas eldoni en sia nacia lingvo libron, por kiu oni povus iom gajni, perlabori monon.

Tion saman oni povas fari kun aliaj tradukaĵoj por pedagogiaj aŭ aliaj ĵurnaloj.

Tiamaniere ni povas plifortigi niajn financojn. Ekonomia bonstato por ni estas tre grava.

Instr. A. Prapuolenis, Kazlu Ruda,
Litovio.

---

## Recenzoj.

„La Mondlingvo". „Plena kurso kun gramatiko kaj vortaro por lernejoj, privata instruado kaj lecionoj per radio. Prilaborita de Jan Tichawsky. Katowice 1929". — Kurso laŭ tiu libro povas havi polajn kaj germanajn partoprenantojn, ĉar la vortaro estas „mondlingva"-pola-germana kaj la gramatiko en pola kaj germana lingvoj. Ĉiu de la 32 lecionoj havas parton malgrande presitan,

kiu entenas metodajn kaj gramatikajn rimarkojn por la kursgvidanto.

Speciale grava rigardas la aŭtoro ekzercojn de la parolado kaj elparolado. 25 „poemoj kaj legaĵoj“ estas aldonitaj al la libro (en la „mondlingvo“).

La vorto „Esperanto“ en la libro estas anstataŭata per „Mondlingvo“. La aŭtoro diras pri tio en la antaŭparolo:

„La ‚Lingvo Internacia‘ . . . transpaŝis jam la epokon de propagando, dum kiu ĝi portis la nomon ‚Esperanto‘, kaj enpaŝis en la epokon de vivo reala, aŭ en la tempon de praktika uzado. La ĝisnuna nomo de tiu ĉi lingvo ne plu ŝajnas aktuala, ĉar la espero efektiviĝis . . .“

„Konsiderante la novan epokon de la lingvo, mi donis al la libro la titolon „La Mondlingvo“, ĉar sub tiu ĉi titolo povas ja esti komprenata sole nur tiu de D-ro L. L. Zamenhof kreita lingvo . . .“

Rublev, Esperanto-Rondeto. Moskvo 1929. — Bona, tre lerte farita instruilo por amikoj de la rekta instrumetodo. Uzante la idean sferon de rusaj komunistoj, ĝi praktike prezentas la gramatikon kaj vortaran materialon per dialogoj, gazetfolioj, leteroj, traktaĵetoj. Sespaĝa aldono ripetas la uzitan vorttrezoron kaj kunigas gramatikajn tabelojn. La libro ne uzas la danĝerajn dialektajn formojn de aliaj rusaj Esperanto-presaĵoj; tamen ĝi instruas la nefundamentajn silabojn retro-, -oza, -atra, -iva, -izi kaj uzas -io por la landnomoj. Cetere la teksto estas preskaŭ tute korekta. La malalta prezo (50 kopekoj) permesis uzi nur tre malbonan paperon.

(Bennemann.)

Stellan Engholm, Al Torento. Köln (Germanujo), 1930, Heroldo de Esperanto. Pĝ. 94. Prezo 1.50 RM, broŝurita. — Tiu esperantlingva novelo vortpentras la spiritan evoluadon de juna homo, kiu venas el sia arbara hejmo al urba, urbega vivo kaj plimaturiĝas per ama sufero. La aŭtoro uzas Esperanton ĝuste kaj lerte.

D-ro Jan Herben, Malriĉa knabo, kiu gloriĝis. 1930. Moraviaj Esperanto-Pioniroj. Tradukis T. Mrazkova kaj B. Pittner. Pĝ. 136. Prezo 2,50 sv. fr. (broŝ.). — La libro enhavas biografan skizon pri Tomas G. Masaryk, la unua prezidanto de Ĉeĥoslovaka Respubliko. Legante la libron, ni ekkonas la vekiĝon de la dumlonge nelibera nacio ĉeĥa-slovaka kaj retravivas la mondan dramon 1914—18 el la vidpunkto de tiu nacio. La homo kaj politikisto Masaryk kreskas antaŭ ni al heroeca persono. La grava historia respondeco al tuta estinta. estanta kaj estonta nacio, kiu devas ekzisti meze de sindisŝiranta Eŭropo, suprenlevas la grandaĝan viron el la dekoj de dummilitaj ĉefpolitikistoj. Masaryk staros en la memoro de sia nacio krom Hus kaj Komensky. Feliĉa la nacio, en kiu vivas pojarcente unu homo je tia morala kaj spirita forto!

Mihail Sadoveanu, Nobela peko. El la rumana originalo tradukis Tiberio Morariu. Leipzig 1929. Ferdinand Hirt & Sohn. Internacia Mondliteraturo, volumo 21. — Ni legas en la antaŭparolo: „Sendube Sadoveanu estas la plej forta kaj valorplena nuntempa prozisto rumana . . .“ En la novelo „Nobela peko“ reviviĝas „la marĉa regiono kun la sunleviĝoj kaj sunsubiroj, vasta kanejo, birdaro kaj fiŝoj“ kaj vivo de malnovepokuloj.

La aldonita skizo „En Arbaro Petriŝor“ kondukas nin tra arbarego mallaŭtega, kie agado de homoj ĝenas estaĵojn, kiuj ne povas paroli por plendi.

La tradukinto preferas duobligaĵojn novajn: tujtuje, solsola, nurnure; li uzas neŝanĝeblajn tabelajn vortojn kelkfoje kun finlitero -e, ekz. kiome, tiome. Sed estas nek logika nek gramatika diferencoj inter tiaj vortoj sen kaj per -e. Gramatike stranga estas la propozicio jena — se ĝi ne estas preseraro: „Mi iradis kun

la pafilo enmane.“ (Pĝ. 13.) La kunmetita vorto „enmane“ anstataŭas la vortgrupon: „en la mano“, tiu grupo ne modifas la verbon „iradis“, sed karakterizas la substantivon „pafilo“ kaj tial devas esti anstataŭata per „enmana“.

Edward S. Payson, Juneco kaj amo. Legendo el Venecio. Londono 1930. The Esperanto Publishing Company. — La originale verkita novelo enhavas ĝenerale homecan trajton, kiu faras sufiĉe grava ĝin, kaj apartan detalaron, kiu faras sufiĉe interesa ĝin. La stilo estas flua, la sintaksa konstruo tute klara, la elekto de vortoj trafa.

Fratoj Grimm, Du fabeloj. Köln (Germ.), Heroldo de Esperanto. N-ro 1 de „Esperanto-Junula Biblioteko.“ Pĝ. 24. Prezo RM 0.30. — La volumeto enhavas la fabelojn „Frateto kaj fratineto“ (trad. A. Degen) kaj „Ruĝĉapeto“ (trad. R. Räuber). La lingvo estas senerara kaj laŭfabele simpla. Tre rekomendinda libreto!

Alfred Dormanns, Handbuch des Esperanto. Köln (Germ.), 1930. Heroldo de Esperanto. Pĝ. 319. Prezo: 3.— RM broŝ., 4.50 RM bind. — La aŭtoro skribas germanlingve la manlibron laŭ spertoj, faritaj ĉe radia Esperanto-kurso. Tiu deveno estas konservita en la libra prezentado. La libro konsistas el kvin partoj: la unua enhavas sciindaĵojn pri esenco, historio kaj praktiko de Esperanto; la ĉefa parto estas 32-leciona lernolibro; la tria estas gramatiketo; sekvas tekstoj kaj vortaro. La libro plenumas sian rolon en radia kurso; ĉu ĝi taŭgas ankaŭ por aliaj kursoj, mi ne scias. Kial la aŭtoro ne diferencigas ordonon (ekz. venu!) kaj deziron (ekz. li venu)? La du formoj estas gramatike diversspecaj.

K. R.

Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado 1930. (18-a jaro.) Universala Esperanto-Asocio, 1 Tour de l'Ile, Ĝenevo, Svisujo. Prezo 5 sv. fk. 406 pĝ. — La libro havas 3 partojn: 1. Esperantismo (kun la Deklaracio pri Esperantismo, Kontrakto de Helsinki; sciindaĵoj pri internaciaj Esperanto-oficejoj, faka organizado internacia, esperantista gazetaro kaj aliaj.) — 2. Universala Esperanto-Asocio (kun utilaj sciigoj pri ĝiaj servoj diversaj.) — 3. Laŭlanda kaj laŭloka adresaro. En tiu parto oni trovas la naciajn societojn kaj iliajn gazetojn, institutojn, naciajn fakgrupojn, delegitojn de UEA, informojn pri lokaj grupoj esperantistaj.

Tiu nunjara jarlibro estas tre praktike aranĝita, kaj tial tre rekomendinda. Oni ricevas la gravan helpilon per aliĝo al Universala Esperanto-Asocio.

Ĉu ne estus aldonebla listo de ĉiuj cititaj lokoj orditaj laŭ alfabeto?

R. W.

Bastien, Naŭlingva Etimologia Leksikono de la Lingvo Esperanto. La eldonejo Esperantista Voĉo, Jaslo, Pollando, prezentas al legantaro de IPR denove presitan eldonon de jena verko, havebla por sv. fr. 3.—, afrankite sv. fr. 3.30. — Bedaŭrinde la prezentita eldono enhavas nek perfektigojn, nek kompletigojn de l' verko de la franca lingvisto, unuafoje aperinta en 1907. Laŭ aŭtora antaŭparolo la verko montras la devenon de 2445 radikoj de l' Universala Vortaro kaj celas:

1-e pruvi la internaciecon de la Esperanta vortaro,
2-e plifaciligi la memoriĝon pri radikoj al tiuj, kiuj konas ĉu la latinan lingvon, ĉu unu aŭ kelkajn naciajn,
3-e instigi scivolantajn Esperanto-lernantojn al lingvistaj komparoj.

La etimologia pruvo ĉiam restos bonega propagandilo por montri, ke Esperanto ne estas arbitre elpensita. Efektivigante ĉi tiun pruvon, la aŭtoro enskribis

1-e la samsencajn naciajn vortojn, en kiuj sin retrovas la Esperanta radiko,
2-e multajn aliajn, kiuj ja laŭradike koincidas, sed ne laŭsence.

Laŭvortaj Esperantaj tradukoj plibon-

igas la komprenebleco n. Tiamaniere la leksikono neniel similas al Esperantaj-naciaj vortaroj, kiuj difinas la sencon de la Esperantaj vortoj kaj klarigas ilian signifon. La Bastien'a verko konsideras precipe ilian formon. Malgraŭ tio estas dezirinde, ke en nova eldono naciaj lingvistoj aldonu al ĉiu citota Esperanta radiko klaran difinon de la kompare citota nacia vorto, ke ili forigu malkorektaĵojn kaj erarojn (vidu en la germana parto) de nuna eldono, ke la leksikono estu kompletigota per ĉiuj novaj internacie uzataj vortoj el tekniko, radiosendado, trafiko ktp. Tiam la N. E. L. povos konkurenci kun fundamentaj modernaj vortaroj.

Hammitzsch.

Gvidlibreto de Wiesbaden, havebla senpage per simpla mendo per poŝtkarto ĉe la Urba Trafik-Oficejo en Wiesbaden. La nova gvidlibreto estas la kvara eldono en Esperanto kaj pro tio granda sukceso por nia lingvo, ĉar la urba trafik-oficejo ne estus eldoninta jam por la kvara fojo gvidlibreton en Esperanto, se ĝi ne konvinkiĝis pri la taŭgeco kaj valoro. Sur la urba plano de la gvidlibreto estas indiko al la ĉi tiea Esperanto-Informejo Wilhelmstrasse 1/I (UEA).

---

# Raportoj por la Instruista Fakkunsido en Oxford.

## I. Raporto pri TAGE kaj IPR.

Pri la celo de nia asocio ni ĉiuj konsentas; ni volas esperantigi la tutmondan kolegaron, por ke Esperanto povu esti enkondukata en la lernejoj, por ke Esperanto fariĝu komuna posedaĵo de la nova generacio.

Sed ŝajnas al mi, ke niaj gekolegoj ne ĉiuj tute klare vidas la vojon, sur kiu ni povos atingi la celon. Estas du diversaj paŝoj sur la vojo: la unua — esperantigi la gekolegojn, la dua — enkonduki Esperanton en la lernejoj. Oni ne povas fari la duan paŝon antaŭ la unua. Kaj por povi fari la unuan paŝon ni nepre bezonas fortan asocion. TAGE, t. e. „Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj" ankoraŭ estas malforta. Ĝi ja dum la lastaj jaroj regule kreskis kaj ni povas ĝoji pri tio. Ni nuntempe havas 907 membrojn en 37 landoj. En 12 landoj la anaro kreskis, en Britujo ekz. de 12 al 30.

Sed en duobla senco ĉi tiuj ciferoj ne kontentigas. Unue: ĉar la proporcio inter la germanaj kolegoj kaj la alilandaj en nia asocio estas tia, ke TAGE, kiu estas internacia asocio, povos ŝajni germana entrepreno. En niaj membrolistoj ni havas 530 germanajn kolegojn kaj nur 377 negermanajn. Due: la oficejo de Kunlaborado kun IALA, pri kiu vi ankoraŭ aŭdos raporton, konstatis la ekzistadon de pli ol 6000 esperantistaj gekolegoj en la mondo, kaj ĉi tiu nombro certe postrestas la faktan situacion. Do, eĉ se ni nur kalkulas kun la statistika nombro, ni havas en niaj vicoj nur la sesonan parton de tiuj, kiuj povus esti membroj de TAGE.

El tia situacio rezultas duobla tasko. Unue: la speciala tasko, pli bone organizi nian TAGE-aferon en la negermanaj landoj. Due: la ĝenerala tasko, klopodi tutforte, por envicigi en niajn vicojn ĉiujn esperantistajn gekolegojn.

Rilate la unuan taskon mi esperu, ke dum la Kongreso en Oxford aliĝos multaj anglaj samideanoj. Rilate la duan mi esperu, ke la gekolegoj el aliaj landoj klopodos hejme por organizi sin mem laŭcele en sia lando. Ekzemplo de bona organizacio estas la asocio de niaj Saksaj Esperantistaj kolegoj, kiu nun havas 385 membrojn, do, preskaŭ la duonon de la tuta TAGE-anaro. Ĉar ĝi estas jam iom forta asocio, ĝi ricevas subvencion flanke de la registaro per la ministerio por popoledukado, kiu i. a. subtenas oficialajn Esperanto-kursojn por instruistoj. Ĝi ankaŭ estas speciala grupo de la ĝenerala landa asocio de instruistoj kaj subtenata de la lastenomita. Ĝi eldonis jam kelkajn

bonajn statistikojn pro la enlerneja situacio de Esperanto kaj adresarojn de siaj membroj. Oni imitu ĝian ekzemplon en aliaj landoj. Tiam ni tre baldaŭ sukcesos pli bone en TAGE.

Pri ĉio, kion mi diris, vi povas legi specialajn raportojn en nia gazeto, en IPR. Do, mi ne volas misuzi vian valoran tempon dum la hodiaŭa kunsido kaj volas nur peti vin, ĉiam atente legi tiajn raportojn, el kiuj vi povas ricevi multajn instigojn por la organiza laboro en viaj landoj.

Pri la kasa stato mi ne havas multon por raporti al vi. Certe, fondante nian asocion, oni eraris, fiksante la kotizon por ĝi kaj samtempa abono de la gazeto je 4 svisaj frankoj. Tiu sumo estas tro malalta. Oni pripensu, ke la enspezita mono devas kovri la elspezojn por eldono kaj forsendo de 8 resp. 12 regule aperantaj gazetnumeroj. Nenio restas por tre necesa propagando. Kaj la situacio estas des malpli ĝojiga, ĉar nur unu triono de niaj membroj ĝis hodiaŭ fakte pagis la kotizon por la jaro 1930. La sekvo estas, ke nia administranto devas labori kun ŝuldo. Bedaŭrinda stato, sed tuj forigebla! Helpu forigi ĝin, pagante vian kotizon tre baldaŭ kaj estontatempe pli akurate. Ankaŭ post kiam ĉiuj estos pagintaj, ne restos io en la kaso. Pripensu, ĉu ne estos rekomendinde, plialtigi la jaran kotizon al minimume 5 svisaj frankoj. Pripensu, ke neniu organizacio povas labori laŭcele sen sufiĉa financa bazo kaj ke la kotizo de 5 sv. fr. estas ankoraŭ tre malalta, kiam oni ricevas regule aperantan gazeton.

Ĉi tiu gazeto, IPR, t. e. Internacia Pedagogia Revuo, nun estas en la manoj de lerta redaktanto, D-ro Riedel, Dresden. La tuta nivelo de la gazeto evidente plialtiĝis. Kelkaj diras, ke ĝi estas tro alta, kaj deziras, ke oni plimalaltigu ĝin. En nia Laborkomisiono por TAGE (pri kiu vi aŭdos specialan raporton) oni havas tute alian opinion. Nia IPR ne volas kaj ne povas esti gazeto por komencantaj Esperantistoj. Ĝi devas esti la komuna organo por instruistoj, kiuj fakte sufiĉe scipovas Esperanton kaj ĝi devas enhavi seriozajn artikolojn, kiuj iel ajn rilatas la pedagogian sciencon. La laborprogramo de la redaktanto, kiun li aperigis por la gazeto en ĝi, estas tre konvena kaj taŭga. Helpu ĝin efektivigi!

— Kompreneble ankaŭ neinstruistoj povas aboni la gazeton kaj kelkaj jam faris tion. Oni ankaŭ povas ankoraŭ aĉeti la jarkolekton 1929 por 2 germanaj markoj, t. e. 2½ svisaj frankoj. —

Helpu antaŭ ĉio, kiel kunlaborantoj por la gazeto. Ni ja sukcesis, havigi al ni la helpon de kelkaj eminentaj personoj, ĉar ekz. la du konataj anglaj profesoroj Collinson kaj Findlay estas nun niaj kunlaborantoj. Sed ni bezonas ankaŭ la helpon de gekolegoj el ĉiuj landoj, speciale de kolegoj, kiuj reprezentas la popollernejon. Kompreneble originalaj sciencaj artikoloj estas tre dezirindaj. Sed same dezirindaj estas simplaj raportoj, kiuj rilatas la diversspecajn lernejojn en ĉiuj landoj, iliajn evoluon kaj staton, celon kaj sukceson, instrufakojn kaj instrumetodojn ktp. Oni raportu ankaŭ pri gravaj novaj pedagogiaj verkoj, skizante la enhavon kaj la ĉefajn ideojn. Bonvolu ankoraŭfoje legi la programon de la redaktanto de IPR kaj serioze pripensi, ĉu ĝi ne enhavas punktojn, kiuj ebligas al vi praktikan kunlaboradon.

Plue ni bezonas konfidindajn agentojn, kiuj zorgas pri la disdono de la gazeto en sia lando. En kelkaj landoj la TAGE-agentoj jam funkcias bone, en kelkaj tute ne. Kolektu la adresojn de esperantistaj gekolegoj en via lando, por liveri sufiĉe taŭgan laborbazon por la agentoj. Kaj organizu vin mem kiel esperantistaj gekolegoj en via lando, por ke unu sciu pri la alia kaj por ke vi povu labori kun unuigitaj fortoj. Interrilatu kun la sekretariino de Kunlaborado, kiu eble povas kompletigi viajn listojn.

Klopodu plenforte pri Esperanto-kursoj en viaj lernejoj kaj raportu pri ili al la nomita sekretariino, kiu liveras la sta-

tistikan materialon al nia Laborkomisiono por TAGE. Mi povus mencii ankoraŭ multajn specialajn taskojn por niaj membroj. Ĉiu laboru laŭ sia talento, komprenante, ke nur bona organizacio helpas la disvastigon de nova ideo. Ne lasu la laboron nur al kelkaj unuopaj personoj, sed sentu vin devigataj, kunhelpi kaj kunlabori kiel pioniroj por la nova ideo.

Nia porasocia administra laboro nuntempe estas farata de la Laborkomisiono por TAGE. Ĝi laboras regule kaj laŭcele. Tion montras la kreskado de nia anaro kaj abonantaro, sed TAGE, kaj speciale la redaktanto de IPR, bezonas la celkonscian helpon de niaj ĉiulandaj gekolegoj.

Pri la elekto de nova prezidanto por TAGE mi jam raportis en IPR. Nia Laborkomisiono esperas, ke vi konsentos la elekton de nia angla kolego, G. W. Roome, Sheffield, kaj petas vin, ke vi hodiaŭ oficiale aprobu ĉi tiun elekton, post kiam vi aŭdis la raporton. —

Mi ne donis mian raporton en la formo, laŭ kiu oni donas raportojn en aliaj asocioj. Tio ne estas necesa, ĉar vi trovas regulajn raportojn en IPR. Ĉar ĝis nun neniu kolego protestis kontraŭ ili kaj kontraŭ la administra kaj redakta laboroj, ni supozas, ke vi estas kontentaj pri ili.

Estos ne superflue, speciale rememorigi la jenon: TAGE per sia Laborkomisiono tute laŭplane zorgis pri bonaj rilatoj ankaŭ dum la pasinta jaro al la grandaj internaciaj pedagogiaj kaj edukaj asocioj, kiel „Fédération Internationale des Associations d'Instituteurs, World Federation of Education Associations, Unuiĝo por Nova Eduko, Internacia Edukoficejo, Insituto J. J. Rousseau" ktp. Ju pli forte fariĝos nia asocio des pli oni atentos ĝiajn postulojn en internaciaj institucioj kaj ankaŭ en la registaroj kaj ministerioj. Ili ricevos des pli bonan impreson pri la ĝenerala Esperanto-movado, ju pli bone ni estas organizitaj en nia asocio.

Kiom ampleksa kaj granda estas tia tasko, tion montru ekz. la jenaj ciferoj. La ĵus citita federacio internacia de instruistaj asocioj havas en Eŭropo nun pli ol 500 000 membrojn. Nia statistiko montras la ekzistadon de 6000 instruistoj esperantistaj, tio estas nur 1 procento de la Eŭropa instruistaro. Kaj nur 907 gekolegoj estas organizitaj en nia asocio, tio estas 6½ procentoj de la esperantista instruistaro kaj ankoraŭ ne 0,2 procentoj de la tuta instruistaro en FIAI.

Ŝajnas al mi tute eble, plialtigi en kelkaj jaroj ĉi tiun nombron al 2—3 procentoj. Ĉar ĝenerale la ideo de Esperanto, de internacia mondhelplingvo, nun ne plu havas seriozajn kontraŭulojn. Oni ĉie en la instruistaro trovas la ideon praktika kaj necesa por la kolegoj kaj por la lernantoj. La sintenado de la pedagogia fakgazetaro iom post iom fariĝas pli favora. Ni havigu al ni la intereson de la ĝis nun ne esperantigitaj kolegoj kaj de niaj naciaj instruisto-unuiĝoj. Tio estas tasko promesdona kaj ankaŭ ne tro malfacila. Specialan progreson ni atendas por la lando de nia ĉitiujara internacia kongreso. Kuraĝigaj estas la spertoj faritaj dum la lastaj jaroj en Germanujo, speciale ankaŭ dum la lasta germana Esperanto-kongreso en Dresden. Kio estas ebla en aliaj landoj?

Persone, kiel raportanto por TAGE kaj IPR, mi fine deziras starigi la demandon, ĉu ne estas eble, dum unu el la venontaj jaroj aranĝi specialan internacian pedagogian kongreson por la Esperanto-instruistoj, kiu daŭru kelkajn tagojn kaj unuigu nin en serioza laboro por niaj specialaj taskoj. Eble la hodiaŭa kunsido prezentos okazon, priparoli ankaŭ ĉi tiun ideon.

Estas bele, se vi havas entuziasmon. Sed nura entuziasmo ne progresigas. Ni bezonas daŭran celkonscian, senlacan praktikan laboron. Eluzu, karaj gekolegoj, la mallongan tempon de la hodiaŭa kunsido, por priparoli tion, kio povos sukcesigi vian laboron por TAGE kaj IPR.

D-ro Dietterle.

**La venonta numero aperos la 15-an de Oktobro.**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 6.

# A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 120.**
1. Hans Klötzer 2. studento ĉe la universitato 3. 20-jara 4. a) Kaiserin Augusta Str. 77, Eg. 1. b) Leipzig c) Saksujo d) Germanujo 5. principe kun ekstergermanaj studentoj aŭ gekolegoj 6. iu ajn temo.

**N-ro 121.**
1. D-ro Friedrich Schreiber 2. docento de la Pedagogia Instituto Leipzig 3. 38-jara 4. a) Pedagogia Instituto b) Leipzig c) Saksujo d) Germanujo 5. instruistoj ĉe instruistklerigaj lernejoj (universitatoj, akademioj, seminarioj ktp.) 6. instruista klerigo.

**N-ro 122.**
1. Lotte Schumann 2. pentristino 3. 21-jara 4. a) Melscherstr. 4 b) Leipzig O. 27 c) Saksujo d) Germanujo 5. interŝanĝas desegnaĵojn kun Ĉinujo kaj Japanujo.

**N-ro 123.**
1. Ernst Klemm 2. supera instruisto emerita 3. 71-jara 4. a) Barbarossastr. 8 b) Chemnitz c) Saksujo d) Germanujo 5. ĉiuj gekolegoj en la mondo 6. — 7. interŝanĝo de Esperanto-presaĵoj; prospektoj, gvidfolioj, flugfolioj, kartoj.

**N-ro 124.**
1. Theodor Hörning 2. instruisto de popollernejo 3. 31-jara 4. a) Chemnitzerstr. 34 b) Stollberg c) Saksujo d) Germanujo 5. tutmondaj instruistoj kaj klasoj 6. lingvaj aferoj, grafologio, lernejo kaj vivreformo.

**N-ro 125.**
1. Emil Friebel 2. profesia helplerneja instruisto 3. 39-jara 4. a) Blumenstr. 9 E. r. b) Dresden A. 16 c) Saksujo d) Germanujo 5. geinstruistoj ĉiulandaj kaj aliaj personoj interesiĝantaj 6. la klerigo kaj edukado ĉiumanieraj de psiko-malsanaj, malnormalaj kaj malfacile edukeblaj gejunuloj 14—18-jaraj estintaj helplernejanoj 7. specialaj temoj: edukado al ŝtatana virinmovado.

**N-ro 126.**
1. Heinrich Dresselhaus 2. instrukandidato en popollernejo 3. 35-jara 4. a) Hüttemannstr. 28, I b) Dortmund c) Westfalujo d) Germanujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. kulturo, religio, lingvistiko, stenografio kaj fakaj problemoj 7. interŝanĝas tipajn belajn bildkartojn (poŝtmarko nepre bildflanke) por geografio kaj korespondas pri instruproblemoj ekaperantaj en klasoj por komencantoj kaj la unuaj 4 lernjaroj.

**N-ro 127.**

1. Helmut Wöhner 2. studento de la pedagogio 3. 20-jara 4. a) Vollungstr. 21 b) Vollung bei Pulsnitz c) Saksujo d) Germanujo 5. ĉiuj landoj 6. iu ajn temo.

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

**N-ro 62.**

**Aŭstrujo** 1. Wien VIII, Hamerlingplatz 2. akademio de komerco 3. 10 lernantoj 4. 16—19-jaraj 5. gesamideanoj en la tuta mondo 6. iu ajn temo 7. komercakademiano Walter Winterberg, Nedergasse 19, Wien XIX, Aŭstrujo.

**N-ro 63.**

**Germanujo** 1. Bautzen i. Sa. 2. lernanto (supera kurso de l' unua klaso) 3. — 4. ? 5. negermanaj samideanoj 6. diversaj temoj 7. lernanto Hans Ciliušek, Landständische Oberschule, Bautzen i. Sa., Germanujo.

**N-ro 64.**

**Germanujo** 1. Kohlscheid bei Aachen 2. popollernejo 3. 10 lernantoj 4. 11—14-jaraj 5. lernantoj ĉiulandaj, precipe katolikaj 6. interŝanĝo de il. poŝtk., fotografaĵoj, parte ankaŭ de poŝtmarkoj 7. Frato Ansgarius Marzahn, Knabenpensionat Kohlscheid bei Aachen, Germanujo.

**N-ro 65.**

**Germanujo** 1. Bautzen i. Sa. 2. lernanto (malsupera kurso de l' unua klaso) 3. — 4. ? 5. negermanaj samideanoj 6. diversaj temoj 7. lernanto Paul Bergmann, Landständische Oberschule, Bautzen i. Sa., Germanujo.

**N-ro 66.**

**Germanujo** 1. Bautzen i. Sa. 2. lernanto (malsupera kurso de l' unua klaso) 3. — 4. ? 5. negermanaj samideanoj 6. diversaj temoj 7. lernanto Fritz Arlt, Landständische Oberschule, Bautzen i. Sa., Germanujo.

**N-ro 67.**

**Rusujo** 1. Kiev (Ukraino) Dehtjazivska 9, Leninsk, Esperanto 2. infana urbeto (kelkaj infandomoj kaj laborlernejoj unu- kaj dugradaj) 3. 50 lernantoj kaj 50 lernantinoj 4. 8—18-jaraj 5. la tuta mondo 6. deziras korespondadi pri vivo de l' tutmondaj geinfanoj, junpioniroj, laboruloj ktp. (kolektive kaj individue) interŝanĝo de p. i., il. gaz., manlaboraĵoj, libroj, afiŝoj, plakatoj, diversaj kolektaĵoj kaj ekspoziciaĵoj 7. instruisto D. Viktorov-Cehoviĉ, Klovski Spusk 2, Kiev, Rusujo.

**N-ro 68.**

1. **Usono** Long Beach (Kalifornio) 2. vesperaltlernejo por plenaĝuloj 3. 3 lernantoj kaj 12 lernantinoj 4. 25—50-jaraj 5. gelernantoj ĉiulandaj 6. diversaj temoj 7. instruistino Mazah E. Schulz, 920 New York Street, Long Beach, California.

---

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

# Bonvolu skribi nur

pri aferoj de redakto
**al la Redaktejo,**

pri aferoj de abono, anonco kaj mono
**al la Administrejo,**

pri aferoj de informo
**al la Sekretariejo,**

pri aferoj de TAGE-organizo
**al la Prezidanto!**

# Bone

kreskas nia abonantaro, sed

# Malbone

scias la abonantoj sendi la kotizon

**preciztempe!**

Se vi ankoraŭ NE sendis ĝin, tuj bonvolu pagi ĝin al via landa agento aŭ al la administrejo: Karl Kröber, Riesa, Weststr. 4. Poŝtĉekkonto: Dresden 110715


Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.


